# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo

http://www.gazetoteko.com/ateo/



Camp Quest

Ateista somera tendumado

Nº 16 Majon de 2013

# Vorto de la redaktoro

Jen do la unua numero de 2013. Kiel kutime, la printempa numero estas distema, male al la aŭtuna, tradicicie pli strukturita ĉirkaŭ la kongresa temo.

Grava temo por ateistoj estas “Disigo de Eklezio kaj de Ŝtato”. Nu ŝajnas ke tiu temo ekestas aktuala. En la lastaj jaroj, ni jam havis la okazon mencii ke tre interesa paŝo al oficialigo de tiu disigo estis plenumita en Bolivio. Nun venas la vico de Urugvajo, kiel atestas la ĉi-posta eltiraĵo de la retejo de la urugvajaj liberpensuloj.

Ankaŭ en Aŭstrujo kaj Rumanujo dum la lastaj monatoj okazas debato pri publika financado de religiaj institucioj, sekve de petskribo en Aŭstrujo kaj leĝpropono en Rumanujo. En Aŭstrujo kvarono de la loĝantaro nun anoncas sin sen religio, tamen ili devas partopreni la financadon de religiaj organizaĵoj per siaj impostoj. En Rumanujo la parlamento mem asignas ŝtatan monon al religiaj institucioj, precipe al la Rumana Ortodoksa Eklezio. Laŭ la leĝpropono, civitanoj rajtos mem decidi, ĉu iliaj impostoj estu dediĉitaj al tiu aŭ al aliaj organizaĵoj. Ĉu tiuj iniciatoj sukcesos ankoraŭ ne estas klare.

Se vi partoprenos la Universalan Kongreson, vi estas varme invititaj al la kunveno de ATEO, kiu okazos en la posttagmezo de mardo la 23[a] de julio. Ĉi-jare ni havas gravan gaston (vidu p.23 por detaloj).

Vi povos aktivi por ateismo dum la UK ankaŭ vizitante nian budon dum la Movada Foiro, kaj ankaŭ kadre de la Faka Forumo kaj de la deĵorado de fakaj asocioj.

Ĝis baldaŭ kaj nun bonan legadon.

*Christian Rivière*

Grava informo :

*Ŝajnas ke ne ĉiuj membroj notis ke la kotizo al nia asocio malpliiĝis ĉi-jare, aŭ eble iuj ne kredis je siaj okuloj. Jen do la vera tarifo por 2013 :*

*10 eŭrojn por A-landoj*
*8 eŭrojn por B-landoj*

# Permeso de abortigo

*Publikigita de la Urugvaja Asocio de Liberpensuloj, koncerne la reagojn de la Katolika Eklezio post la aprobo de la leĝo pri la permeso de aborto.*

Netolereblas la interveno de la eklezio en la politika vivo de la Respubliko.

La leĝofara povo de nia lando aprobis leĝon pri Memvola Gravedo-ĉesigo, kiu permesas aborton sub iuj kondiĉoj, kaj difinas regulojn kaj normojn pri sano por la virinoj, kiuj decidas ĉesigi sian gravedecon.

Post la aprobo de tiu leĝo, la Katolika Eklezio anoncis la senprokrastan ekskomunikadon de la leĝistoj, deputitoj kaj senatanoj kiuj ĝin voĉdonis, pretekstante ke ĝi impulsas praktikojn kontraŭ la vivo. La leĝistoj estas reprezentantoj de la popolo kiu ilin elektis laŭ demokrata baloto, kaj kiu do plenkonscie kaj liber-konscience aprobis tiun leĝon.

Tiu leĝo, eĉ se limigita je multaj nesufiĉoj, elmontras intencon ja malfortan krei laŭleĝajn kaj sanajn kondiĉojn kiuj proponas al la virinoj minimuman kadron de sekureco en la momento de decido tiel malfacila kia decido de aborto.

Samtempe anonciĝas, flanke de katolikaj grupoj, mobilizado kontraŭ tiu leĝo, kio inkluzivas mobilizadon kontraŭ la seksa diverseco.

La manifestacioj kontraŭ la seksa diverseco, kaj la asimilado de la samseksemo kun malmorala aŭ almenaŭ nemorala praktiko, kontraŭas la fundamentan rajton al la Libero, certigita al ĉiu civitano de la Respublika Konstitucio, cetere estas diskriminaciaj. Ili tiel subtenas la oponantojn al la Leĝo aprobita de la Parlamento, tiel komplicas la praktikon de kaŝ-abortoj kaj la mortojn de virinoj, same kiel la plej regresemajn kaj mortigajn praktikojn far despotaj kaj konfesiaj Ŝtatoj, kiuj ajnmaniere celas malaperigi la individuajn kaj kolektivajn liberojn.

Estas la tipe malklera reago de tiuj, kiuj sentas nostalgion pri la ĉasado de sorĉistinoj kaj pri la ŝtiparumoj, kiuj nenion diras pri la malaprobindaj kaj multnombraj agoj de pederastio fare de klerikoj, kiuj ne diras kial ili ne akceptas la pastriĝon de virinoj, aŭ diskriminacias la samseksemulojn ne akceptante la kunedziĝon de samseksaj homoj, aŭ ne kontraŭas la pli kaj pli multnombrajn demonstradojn de ksenofobio kaj de rasismo en multaj partoj de la mondo.

La maltoleremuloj ne akceptas la diversecon, ne elportas la buntecon de la socio, ne akceptas alian *”Veron’’* ol la sian, same kiel ili malmulte akceptas la dubon kiu stumbligas ilian Dogmon. Estas maniero pripensi kaj koncepti la vivon kiun ni ne proprigas, sed respektas ĉiam kiam ĝi ne signifas, kiel hodiaŭ, krudan entrudiĝon en la aferojn de la Respublika kaj Laika Ŝtato, generante premojn kontraŭ-leĝajn kiuj atencas la paceman kuneston kaj la Demokration.

Ni draste rifuzas la entrudiĝon en la aferojn de la Respubliko, de tiuj kiuj intencante havi spiritan povon super la socio – *kiun ni respektas sed ne necese partoprenas* – ambicias havi povon super nia surtera vivo laŭ la preskriboj de fremda Ŝtato (la nomata urbo-ŝtato de Vatikano), Pontifika Ŝtato kiu ricevis tiun statuson el la manoj de la diktatoro Mussolini.

Momente ni diras :

. Jes al la Valoroj de Civitaneco, kiuj estas la Libereco, la Konscienc-libereco, la Laikeco kaj la Solidareco sen intereso, por la bono de la tuta Socio.

. Jes al la Valoroj de respekto de la Homa Digneco kaj de akcepto de la diverseco.

. Ne al la etanimaj interesoj de individuoj aŭ de grupoj kiuj celas la malprogreson de la Libereco, de la ideoj respublikaj kaj laikaj por subigi la socion en la malhelon de la malamo, de la maltoleremo kaj de la manko de Libereco.

. Ne al la eklezia entrudiĝo en la politikan vivon de la lando, preme al la Parlamento de la Respubliko laŭ neakcepteblaj kaj kontraŭ-demokrataj metodoj.

La 20an de Oktobro 2012
Urugvaja Asocio de Liberpensuloj
*elhispanigis Christian Rivière*

# Nova paŝo en Urugvajo

*Ne al la entrudiĝo de la eklezio en la politikan vivon de la lando, kiu premas la Parlamenton de la Respubliko per neakcepteblaj kontraŭ-demokrataj kondutoj.*




**El ESTADO y la IGLESIA ESTÁN SEPARADOS**

**LA ŜTATO KAJ LA EKLEZIO ESTAS DISIGITAJ**

# Ĉu baldaŭ Hallal por ĉiuj ?

En Francio, lando de gastronomio, kie grashepataĵo estas speciale fama, oni malkovras kun surprizego, tiun strangan fakton : la firmao Labeyrie, famkonata pro siaj produktoj, nun submetas sian TUTAN produkton al la kontrolo de du muftioj (muzulmanaj pastroj) : tiu de la moskeo de Parizo, kaj tiu de la moskeo de Liono. Islama komisiono do, kontrolos ke en la TUTA produkto de grashepataĵo ne estas eĉ unu guto de Armagnac (fama franca likvoro).

Tio, en la lando de laikeco kaj homaj rajtoj ! Ĉu la francoj devos, nun, aĉeti siajn plej famajn gastronomiajn produktojn en aliaj landoj ?

Aŭ ĉu la francoj tutsimple bojkotos ĉiujn produktojn de la firmao ? Tiam Labeyrie povos riĉiĝi dank' al nur siaj muzulmanaj klientoj. Tiel mi persone faros.

*Jean Marin (Francujo)*
jmarin_93@hotmail.com

## Ateistoj tra la mondo suferas persekuton kaj diskriminacion

Raporto. (Reuters) - Ateistoj kaj aliaj religiaj skeptikuloj suferas persekuton kaj diskriminacion en multaj partoj de la mondo, kaj en almenaŭ sep nacioj povas esti ekzekutitaj se malkovriĝas iliaj kredoj, laŭ raporto eldonita ĉi-lunde (10/12/2012).

La studo, de la International Humanist and Ethical Union (IHEU), montris ke “malfideluloj” en islamaj landoj alfrontas la plej severan (foje brutalan) traktadon fare de la ŝtato kaj kredantoj de la oficiala religio.

Sed ĝi elmontras ankaŭ politikon en iuj eŭropaj landoj kaj Usono, kiu favoras religiemulojn kaj iliajn organizaĵojn, kaj traktas ateistojn kaj humanismanojn kiel eksterulojn.

La raporto, “Freedom of Thought 2012” (Libereco de la Penso), diras ke “estas leĝoj kiuj rifuzas al ateistoj la rajton ekzisti, limigas ilian liberecon de kredo kaj esprimo, reprenas ilian civitanecon, kaj rifuzas ilian rajton geedziĝi.”

Aliaj leĝoj “obstrukcas ilian aliron al publika edukado, malpermesas ilin teni publikan oficon, malhelpas ilin labori por la ŝtato, krimigas ilian kritikon de religio, kaj ekzekutas ilin pro forlaso de la religio de siaj gepatroj.”

La raporton bonvenigis Heiner Bielefeldt, speciala raportisto de la Unuiĝintaj Nacioj pri libereco de religio kaj kredo. Li diris en mallonga enkonduko, ke mankas konscio pri la fakto, ke ateistoj estas protektataj de tutmondaj interkonsentoj pri homrajtoj.

La IHEU, kiu ligas pli ol ducent humanismajn, ateismajn kaj sekularajn organizaĵojn en pli ol kvardek landoj, diris ke ĝi eldonas la raporton por honori la UN-an Tagon pri Homrajtoj, kiu okazis lundon.

Laŭ ĝia esploro de ĉirkaŭ sesdek landoj, la sep landoj en kiuj esprimo de ateismaj vidpunktoj aŭ forlaso de la oficiala religio implicas kondamnon al mortopuno, estas Afganujo, Irano, Maldivoj, Maŭritanio, Pakistano, Sauda Arabujo kaj Sudano.

La sepdek-paĝa raporto ne indikas lastatempajn kazojn de efektiva ekzekuto pro “ateismo”, sed esploristoj diras ke la krimo estas ofte kunfandita en aliajn akuzojn.

En diversaj aliaj landoj (kiel Bangladeŝo, Egiptujo, Indonezio, Kuvajto kaj Jordanio) eldono de ateismaj aŭ humanismaj vidpunktoj pri religio estas tute malpermesata aŭ strikte limigata per leĝoj kontraŭ “blasfemo”.

En multaj el tiuj landoj, kaj aliaj kiel Malajzio, civitanoj devas registri sin kiel sekvantojn de malgranda nombro da oficiale agnoskataj religioj, kiuj normale inkluzivas nur kristanismon, judismon kaj islamon.

Ateistoj kaj humanistoj estas tiel devigataj mensogi por akiri siajn oficialajn dokumentojn, sen kiuj maleblas ĉeesti universitaton, ricevi medicinan flegon, vojaĝi eksterlanden aŭ stiri aŭton.

La IHEU diris ke Eŭropo, sub-sahara Afriko kaj Latina kaj Norda Amerikoj, landoj kiuj priskribas sin sekularaj, favoras kaj donas privilegiojn al kristanismaj eklezioj. En Grekujo kaj Rusujo, la Ortodoksa Eklezio estas forte protektata kontraŭ kritiko, kaj ricevas specialan statuson en ŝtataj eventoj, dum en Britujo, episkopoj de la Eklezio de Anglujo aŭtomate membriĝos en la supera ĉambro de la Parlamento.

Kvankam la libereco de religio kaj parolo estas protektata en Usono, laŭ la raporto, socia kaj politika etoso superregas, “kiu igas la ateistojn kaj la malreligiemulojn senti sin malpli valoraj usonanoj, eĉ neusonanoj”.

En almenaŭ sep usonaj ŝtatoj, konstituciaj principoj baras al ateistoj la vojon al publika ofico, kaj unu ŝtato, Arkansaso, havas leĝon kiu malpermesas al ateistoj fari atestojn en tribunalo aŭ en juĝ-kortumo, laŭ la raporto.

*raportis Robert Evans*



# Leĝo kunkulpulo de religia kredo

Kial tiom forte ataki katolikan eklezion, kiam ĝi publike sin deklaras kontraŭ samseksa geedziĝo ? Nu, kiujn koncernas geedziĝo por ĉiuj ? Nur minoritaton. Kaj tiam vi rimarkos, ke ĉiam estas intelektulo, « polur-tuko » de la televidaj scenejoj, kiu blekas, ke tamen estas temoj pli gravaj ... Oni ja parolu pri la krizo kaj trovu rimedojn por ĝin forigi ... La ekonomia krizo estas la matadora tuko, kiu distras la taŭron ĝuste kiam oni enigas pikbastonon en ĝian pugon. Se vi ne havas magian formulon por eligi Eŭropon el marasmo, detenu vin paroli pri flankaj temoj. Tio ne estas digna.

Kial necesas vangofrapi katolikan eklezion ĉiufoje kiam prezentiĝas okazo ? Ĉar se oni lasas la parokestran premgrupon diri, kio estu geedza paro, ĝi fine denove decidos, kio eliĝu aŭ ne el la virinaj ventroj. Ne !... Ne troigu !... Tio ne plu povas okazi en nia lando !... Ni ne estas en la tribaj areoj de Pakistano ! Ne, ni estas en Francio, tio estas je malpli ol du aviadaj horoj for de Eŭropa Vaziristano : Irlando.

En tiu mirinda lando, al misnaskonta virino, estis rifuzita abortigo, pretekste ke la koro de la feto daŭre batas ... Aborto estas malpermesata en Irlando. La kuracistoj klarigis al tiu virino, baratanino, ke Irlando estas katolika lando. Do nome de leĝo kaj de katolikismo necesis atendi, ĝis kiam la feto « propramorte » mortos, por operacii la patrinon. Ŝi mortis du tagojn poste pro sepsemio.

Leĝo, kiu absolute malpermesas abortigon de 1983, tamen permesas al la kuracistoj praktiki libervolan graved-ĉesigon, kiam la vivo de la patrino estas endanĝerigita. Tiel estas de 1992, kiam 14-jara junulino, viktimo de seksperforto, provis sin mortigi, ĉar neniu kuracisto konsentis ŝin abortigi. Do en Irlando, virino tranĉu siajn vejnojn aŭ forglutu la tutan kuracilujon por havi permeson portempe disponi pri la propra korpo.

En Francio kiu estas la opinio de katolika eklezio pri abortigo ? Ekzakte tiu de la irlanda leĝo. Eŭropa unueco estas malfirma fuŝkonstruaĵo, ĉiu lando havas sian leĝaron, dum la katolika eklezio estas ja unuiĝinta. Ĝi havas nur unu moralregulon : tiun de ĝia estro, Benedikto la 16-a. Katolika eklezio ne estas malpli regresema en Parizo ol en Dublino.

La francaj parokestroj ne estas pli afablaj, pli toleremaj, pli humanaj en Francio ol en Irlando. Ĉie kaj ĉiafoje, kiam ili povas antaŭen-puŝi siajn peonojn, ili tion faras. Se oni retroiros hodiaŭ pri geja geedziĝo je la nomo

de Kristo, oni riskos morgaŭ cedi ankaŭ pri abortigo-rajto.

Monsinjoro Vingt-Trois, defendanto de la heteroseksa familio kaj de la etaj infanoj, nenion deklaris, laŭ mia scio, pri la irlanda dramo. Patrino mortis en Irlando pro la katolika doktrino. Ŝi ne plu naskos infanojn, ŝi ne plu edziniĝos. Sendube tio ne gravas, ĉar ŝi ne estas kristana kaj tre verŝajne estas nun brulanta en infero.

*El Charlie Hebdo,*
*la 21an de novembro 2012.*
*elfrancigis Janine Dumoulin*

## La universala persekutato

La plej malŝatata religio en la mondo ne estas religio. Laŭ konsternega raporto de la humanisma kaj etika internacia Unuiĝo (IHEU), kreda libereco estus multe pli malbone respektata en la mondo ol kulta libereco, eĉ en la okcidentaj demokratioj. Daŭre hodiaŭ, ateisto en tiaj landoj, kiaj Kanado, Usono aŭ Svisio riskas perdi iujn el siaj rajtoj, eĉ esti persekutata. Se oni pli facile pensas pri tiaj landoj, kiaj Afganio aŭ Saud-Arabio, kie de nekredemo povas rezulti mortopuno, la raporto substrekas, ke la neniigo de ateistoj estas la jura trajto la plej komuna en la mondo.

En Israelo, kiu tamen fanfaronas ke ĝi estas la nura demokratio en Proksim-Oriento, ne ekzistas pli da civila geedziĝo-rajto ol en la ceteraj landoj de la regiono. Same kiel iliaj libanaj najbaroj, israelanoj, kiuj deziras geedziĝi ekster la respektivaj eklezioj, estas devigataj tion fari en Kipro.

Laŭ la raporto, la usonaj ateistoj estus konsiderataj duarangaj civitanoj, iuj ŝtatoj eĉ rifuzas al ili aliron al publika funkcio. En Arkansaso, iu leĝo ekzemple malpermesas al ili atesti en proceso. En Ontario, la ŝtato financas nur la katolikajn lernejojn kaj, en Britio, multaj lernejoj rifuzas enskribi lernantojn pro religiaj kialoj. Ne necesas atendi la Lastan Juĝon por esti punita pro sia herezo, la politikuloj prie zorgas sur la Tero.

*El Charlie-Hebdo*
*la 19an de decembro 2012*
*elfrancigis Janine Dumoulin*

## La viro kiu mortpafis Dion

En 1918, en Moskvo, en revolucia etoso, Anatoli Lunacharski estris tribunalon kiu juĝis Dion.

Biblio estis metita sur la seĝo de akuzitoj. Laŭ li, Dio okazigis, dum la historio, plurajn krimojn kontraŭ la homaro. La advokato defendis la nepuneblecon al Dio, ĉar tiu estas grave mensmalsana ; sed la tribunalo ĝin kondamnis al mortpuno.

Je la mateno de la hodiaŭa dato, oni kvin-foje mitralpafis kontraŭ la ĉielon.

*komunikis Rafael Henrique Zerbetto*



# La pastro kiu fuĝis sepfoje

En 1794, la ĉefepiskopo de Meksiko, Alonso Nuñez de Haro, subskribis la kondamnon de pastro Servando Teresa de Mier.

Dum datreveno de la vizito de Sankta Maria al Meksiko, pastro Servando predikis antaŭ la vic-reĝo, la ĉefepiskopo kaj la Reĝa Spektantaro.

La prediko estis kvazaŭ kanonpafo. Pastro Servando aŭdacis diri ke ne estis koincido nek hazardo : Sankta Maria "estis" la meksika diino Tonatzin, kaj la apostolo Tomaso "estis" Quetzalcóatl, la kunplumaj serpento adorata de indiĝenoj.

Pro tiu skandala blasfemo, pastro Servando perdis sian titolon de doktoro pri filozofio kaj oni malpermesis al li, por ĉiam, instrui, aŭdi konfesojn kaj prediki. Kaj li estis kondamnita al proskribo en Hispanio.

Ekde tiu momento, sep-foje li estis arestita kaj sep-foje li fuĝis, li luktis por sendependigo de Meksiko kaj skribis la plej kruelajn kaj amuzajn kalumniojn kontraŭ hispanoj, kaj ankaŭ verkis traktatojn pri projekto de Respubliko, libera de diktaturoj koloniaj kaj militistaj, kiun li proponis al la meksika nacio, kiam ĝi rajtos estri sin mem.

*komunikis Rafael Henrique Zerbetto*

# Vojaĝo sunen

Jesuo ne povis festi sian naskiĝtagon pro tio ke la dato ne estis konata.

Je la jaro 354[a], Romiaj kristanoj elektis kiel lia naskiĝdato, la 25[an] de decembro.

Je tiu tago, paganoj de la norda hemisfero kutimis festi la finon de la plej longa nokto de la jaro kaj la revenon de la dio Suno por forigi la mallumon.

La dio Suno venis al Romo el Persio. Li nomiĝis Mitrao. Kaj ekde tiu momento li nomiĝas Jesuo.

*komunikis Rafael Henrique Zerbetto*

# Tero blekanta

En 2010, tertremo formanĝis bonan parton de Haitio kaj mortigis pli ol ducent mil homojn.

Je la sekva tago, Pat Robertson, televida evangelia predikisto, klarigis kialojn el Usono : tiu animpastoro malkaŝis ke haitiaj negroj kulpas pro sia libereco. La Diablo, kiu ilin liberigis de Francio, estis postulanta pagon de la ŝuldo.

*komunikis Rafael Henrique Zerbetto*

# La Anunciacio

La hodiaŭa dato, kelkajn tagojn pli aŭ malpli frue, la ĉefanĝelo Gabrielo venis el ĉielo kaj la virgulino Maria eksciis pri tio, ke Dio estas en ŝia ventro.

Nuntempe, la relikvoj de la Virgulino troveblas en pluraj preĝejoj tra la tuta mondo : sandaloj kaj pantofloj uzitaj de ŝi, kamizoloj kaj roboj kiuj estis ŝiaj, kufoj, diademo, kombiloj, vualoj kaj haroj, makuloj de la lakto kiu nutris Jesuon, kaj ŝiaj kvar geedziĝaj ringoj, kvankam ŝi edziniĝis nur unufoje.

*komunikis Rafael Henrique Zerbetto*

# Nerespektata laikeco okaze de ekzamenoj en privataj liceoj

Ekde kelkaj jaroj en Francio, la profesoroj de konfesiaj liceoj rajtas partopreni la ekzamenojn kunlaborante kun tiuj de laikaj liceoj. Cetere, ĉar nuntempe katolikaj liceoj estas uzataj kiel centroj de ekzamenoj, kelkaj lernantoj el publikaj liceoj estas devigataj trapasi siajn ekzamenojn en katolikaj liceoj, kie ankaŭ laikaj profesoroj estas vole-nevole kunvokitaj.

Tial, en katolika liceo de la urbo Rouen (nord-okcidente de Francio), instruistino devis trapasigi ekzamenon al kandidatoj. Sed, enirante en la klasĉambron, ŝi tuj rimarkis krucifikson alkroĉitan super la nigra tabulo. Ĉar la profesoro opiniis ke tia religia simbolo povus perturbi la lernantojn, ŝi decidis prezenti la situacion al la liceestro, kaj samtempe proponi la du jenajn solvojn : aŭ la liceestro forigu la krucifikson aŭ li disponigu alian ĉambron sen religia simbolo. Kompreneble, ŝajnis al ŝi ke nur tiaj solvoj kapablas respektigi la laikecon kaj tiamaniere, krei serenan etoson nepre necesan por la kandidatoj. Sed abrupte kaj iom malĝentile la liceestro respondis :

— Mi tute ne konsentas. Neniel mi akceptas viajn proponojn.

Kaj emfaze li aldonis :

— Ĉar mi estras tiun ĉi liceon, tie mi agas kiel mi volas.

Informita pri tiu afero, la sindikata delegito tuj kontaktis la rektorinon. Bedaŭrinde, akre surprizis lin la konsterna respondo :

— Pravas la liceestro kiu efektive sola estras sian liceon ... Konklude, la profesoro devas daŭrigi la ekzamenon en la tiucele asignita loko.

Fakte, kvankam tute ne subtenata de sia propra hierarkio, la profesoro mem aŭdacis dekroĉi la krucifikson por ke okazu la ekzameno laŭ la laika principo.

Tia afero pruvas ke senĉese necesas zorge atenti, kaj nepre lukti por senlace defendi nian tro facile taŭzitan laikecon en la francia instruado.

*El la revuo l'Emancipation novembron 2012an*
*elfrancigis Josiane Ferrand*

## Pli kaj pli da senreligiaj francoj

En poranaliza noto, la CSA (Instituto de sondado kaj soci-studo) raportas pri la evoluo de katolikismo en Francio depost 1986. La proporcio de francoj kiuj asertas esti katolikoj malkreskis de 81 % en 1986, al 69 % en 2002, kaj al 56 % en 2012. Dum la sama periodo, la proporcio de francoj kiuj sin deklaras senreligiaj kreskis de 15,5 % al 22 %, kaj nun al 32 %. La instituto CSA opinias, ke se la malkresko de la katolikismo plu daŭros samrapide, la senreligiuloj estos, post tridek jaroj, la plej multnombraj.

*El la taggazeto Ouest-France, la 30an de marto 2013*
*Jackie Huberdeau (Francujo)*

## La sciencisto kaj la inteligenta principo de la Universo

Francis S. Collins, eksa direktoro de la Projekto Homa Genomo kaj nuntempe direktoro de la Naciaj Institutoj pri Sano, ĉefa organo pri scienco en la usona registaro, defendas la ekziston de iu inteligenta principo en la Universo. Por li, la pruvo pri la ekzisto de Dio estas la t. n. preciza agordado. Laŭ tiu tezo, la Pra-Eksplodo (Big Bang) obeis al kelkaj tre precizaj parametroj kunordigataj inter si.

Se la forto kiu tenas la protonojn kaj la neŭtronojn unuigitaj estus iom pli malgranda, ekzemple, nur la hidrogeno estus formiĝinta — kaj ne ekzistus la fundamenta materio de la vivo — la karbono.

Por Collins, nia ekzisto dependas de multaj variaĵoj, en matematika kombino tiel neebla, ke ne povas esti hazardo. "La preciza agordado ne estas akcidenta. Ĝi reflektas la agon de io kio kreis la Universon", li diras.

*El “Os sete maiores mistérios do Universo” (La Sep Misteroj de la Universo), de la brazila revuo Superinteressante (Ege Interesa), marton 2013.*

*komunikis César Dorneles*

Noto de la redaktoro : mi invitas la legontojn de nia bulteno reagi al tiu ĉi artikolo en la venonta numero. Mi efektive legis ie-tie ke iuj individuoj aŭ prem-grupoj ŝtele uzas la teorion de la Pra-eksplodo je sia profito, por pravigi siajn kredojn, prezentante la Pra-eksplodon kvazaŭ deirpunktan momenton de la mondo kaj “evidentan” elmontron de supera decido.

# Edeno: ĉu revo aŭ realo ?

Estas sendube ke la daŭraj klopodoj de la homaro, laŭ ĝia historia evoluado, direktiĝis al la solvo de premantaj problemoj por atingi sian postvivadon en plej varia medio. La disvolviĝo de ĝia inteligenteco estas kaŭzata certe de la jarmila lukto kontraŭ malbona vetero, malsano, konkurenco kun aliaj specioj kaj kun sia propra por la provizo de nutraĵoj, do ekde la komenco homoj, individue aŭ grupe pli malpli multnombraj, spertis duelojn, tribajn malpacojn kaj militojn.

Por pliigi siajn ŝancojn, la homo fantaziis mondojn preterterajn en kiuj superaj estaĵoj estas pretaj helpi en tiu senĉesa lukto ; la rezulto estis plikomplikado de la aferoj pri lia ekzisto, aldonante al la realo danĝerajn sugestojn rilate al diversaj religiaj kredoj, kiuj kreis dum la jarcentoj pli da konfliktoj ol koherecon inter la diversaj vivaj aspiroj.

Feliĉe, kun la enorma progreso de modernaj teknologioj rilataj al disvastigo de scio, la homo sukcesis liberigi sin de la jugo bezoni bazajn necesojn : nutraĵon, hejtadon, aero-kondiĉigon de la fizika medio, pli aŭ malpli sukcesan lukton kontraŭ malsano, do urĝe prezentiĝis serioza problemo, t.e. la reguligado de naskoj. Dum la lasta jarcento la loĝantaro pli ol duobliĝis, pro la pli granda dispono je nutraĵo kaj sekva sukceso kontraŭ epidemioj, kiuj forfalĉis ties kvanton. La malkovro de atoma energio, kun ĝia alta risko, helpis por bremsi la mortecon pro ripetiĝantaj militoj, almenaŭ je monda nivelo, pro la timo de tutmonda ekstermo.

La efikoj de la apliko de modernaj teknologioj al plibonigo de vivkondiĉoj, bedaŭrinde kaŭzis kiel kromefikon nevolan kaj neatenditan, la ĝeneralan poluadon de la planedo. La klimato senreguliĝis kaj konsekvence agrikulturo mem pro la subita ŝanĝo de la sezonoj, renkontas seriozajn problemojn. La akvogeologia ruiniĝo kaŭzas oftajn mediajn katastrofojn, malsanoj pliiĝas pro la malfortigo de defendo de la imuna sistemo, sekve de la efikoj de ĝenerala poluado de aero, akvo, nutraĵo kaj streso pro la moderna vivo.

La ekonomia tutmondiĝo, pro la forigo de doganaj baroj, kondukis al libera intersanĝo de varoj kaj laboro, kaj tiel la ekvilibro establita en la pasinteco inter produktantoj kaj konsumantoj saltis subite, rapide, kaŭzante senlaborecon kaj neelteneblajn malekvilibrojn en la distribuo de la tuta riĉeco.

Kiel eliri ? Oni devas mediti profunde, kolekti la tutan energion por

transdoni ĝin al atingo de konkreta celo ĝis ties konkretiĝo. Konscie pri plena responso kiun la kriza momento postulas, kaj kun samtempa elmontro de ĉia bonvolo ebla, sen fordoni sin al fatalismo mallaborema kaj mallerta, la homo povas solvi ĉiujn siajn problemojn, nuntempajn kaj estontajn ; li bezonas nur ties klaran konon, grandan koherecon de celoj, superregadon de la kolektivaj interesoj super la individua fiegoismo, ĉar la individuo mem estas la unua profitanto de socia bonfarto.

Komisiono de internaciaj spertuloj, elektita en la diversaj kampoj de la homa aktiveco, konsideru idealan proporcion inter la utila teritorio, escepte de arbaroj, lagoj, maroj, kaj homa loĝantaro, en la senco de moderna civilizo : kun egalaj rajtoj en mobilizado, edukado, nutrado, ktp. Ne estas sufiĉe certigi nur manĝaĵon por ĉiuj. Estas grave ke ĉiu havu la okazon vojaĝi komunan demokratian vojon de aliro al ĉia bono disponebla al la komunumo je specifa momento, en respekto de individua memdispono, laŭ ĉiu aparta inklino.

Estas memkompreneble, ke venonta programado de naskoj kunhelpos ĉesigi malriĉecon, malsaton, malsanon, malklerecon kaŭzitajn de nesufiĉaj rimedoj disponeblaj.

La supre menciita komisiono konsideru la kvanton de energio bezonata al la individuo por certigi civilizitan vivon indan al moderna homo. La energiaj fontoj kompreneble estu nur renovigeblaj, por eviti la malavantaĝojn de poluado. Per la samtempa kalkulo de la utila energio kaj la ter-surfaco disponebla por ĉiu homo, estas facile determini la idealan kvanton da loĝantaro, kiun Tero povas subteni je nivelo kiu sekurigas prosperon kaj pacon por ĉiuj, plu forlasante ribelojn, revoluciojn, militojn por restarigi justan ekvilibron inter ĉiuj ludantoj de la surtera vivaventuro. Kiom da energio kaj mono oni povos ŝpari kaj donaci al utilaj praktikaj celoj sen bezono de armiloj, armeoj, sekretaj servoj ktp !

Iuj povus konsideri tiujn celojn utopiismaj. La revolucio aktivinta de informadiko, forigante la distancojn de spaco kaj tempo, faris konkreta la proksiman esperon pri monda registaro, kiu per la policaj fortoj de la unuopaj ŝtatoj povos certigi justecon kaj socian ordon sen ekuzi militon.

Tiucele, estus dezirinde adopti komunan lingvon, ne ligitan al la kulturo de reganta ŝtato, facile atingeblan far ĉiuj, senbezone de pilgrimadoj al malproksimaj landoj por ĝia perfektigo. Esperanto havas ĉiujn kondiĉojn por ludi tian rolon, ĉar rete estas fine plenviva, sekurigante al la monda komunumo, kiu ankoraŭ

estas limigita al kelkaj milionoj da personoj, perfektan facilan kompreniĝadon, kun riĉa interŝanĝo de kulturaj spertoj kaj praktika fruktodona vivo.

*Pino Lalli (Italujo)*

## Samseksema edziĝo

La 18an de novembro, la oponantoj al la edziĝo de samseksemuloj manifestaciis en Parizo. Ilia ĉefa argumento rilatis al la protekto de la infanoj.

Laŭ ili, nur tradicia paro povas bone eduki kaj protekti infanon.

Sed, fakte, kiel estas, en la realo, ĉe la « normalaj paroj » :

1 – 50% el tiuj « normalaj paroj » pli-malpli rapide eksedziĝas.

2 – 24 viroj, ĉiujare, estas murditaj de siaj edzinoj aŭ kunulinoj. Unu viro murdita ĉiun dek-trian tagon.

3 – 122 virinoj, ĉiujare, estas murditaj de siaj edzoj aŭ kunuloj. Unu virino murdita ĉiun trian tagon. Kaj kiom da virinoj frapitaj kaj martirigitaj de sia edzo ?

Ĉu tio estas bona ekzemplo por la infanoj ? Tiel sekvinda ekzemplo ke, plej ofte tiuj murdistoj vidis saman ekzemplon en sia junaĝo, kaj tutsimple, ripetas ĝin.

4 – 11 infanoj estas murditaj de siaj « normalaj gepatroj ». Kaj kiom da infanoj martirigitaj de siaj « normalaj gepatroj » ?

5 – 350 infanoj de « tute normalaj paroj » estas rabitaj de unu el la gepatroj post disiĝo de la paro.




6 – 75 000 virinoj estas seks-perfortitaj de « normalaj » (ne samsekemaj !) viroj ĉiujare en Francio. Do ĉiun okan minuton virino estas seks-perfortita en Francio de … tute « normala » viro. Bela ekzemplo por la infanoj, gesinjoroj moralistoj !

Estas kvazaŭ certe ke, kvankam ne ekzistas statistikoj, la nombro de similaj faktoj estas certe dekoble, eble eĉ centoble pli maloftaj ĉe

samseksemuloj, ĉar (ĉiuj virinoj diros tion al vi) samseksemaj viroj estas tre respektemaj kun la virinoj kaj la infanoj estas ĉiam dezirataj kaj amataj.

Do, se ni sekvus la logikon de tiuj kiuj manifestaciis, ĉu ne estus necese rifuzi la tradician geedziĝon inter viro kaj virino por protekti la infanojn ? Sed estas preferinde doni la eblecon al ĉiuj virinoj kaj paroj havi aŭ ne havi infanon laŭ siaj propraj volo kaj deziro.

Sed ankaŭ tion rifuzas la « tre moralaj » tradiciemuloj, kiuj same rifuzas la geedziĝon de la pastroj, kaj nediskuteble preferas ke ili perfortu milojn da infanoj kun la protekto de iliaj superuloj, kiel oni malkovris lastatempe.

*Jean Marin (Francujo)*

## La haitia malbeno

La tertremo en Haitio kulminis en granda tragedio de lando sen ombro kaj sen akvo, ruinigita de la metropola monprofitemo kaj de la milito kontraŭ sklaveco.

La eksaj mastroj de sklavoj havas alian klarigon : Voduismo kulpas pro ĉiuj malfortunoj. Voduo ne devas esti konsiderata religio. Ĝi estas nur superstiĉo el Afriko, nigra sorĉado, negra afero, diabla afero.

La Katolika Eklezio, al kiu ne mankas pastroj kapablaj vendi ungojn de sanktuloj kaj plumojn de la ĉefanĝelo Gabrielo, sukcesis malpermesi tiun superstiĉon en Haitio, en 1845, 1860, 1896, 1915 kaj 1942.

Lastatempe, kontraŭsuperstiĉaj bataloj estas okazigitaj de evangeliaj sektoj. La sektoj venas el la lando de Pat Robertson : lando kies konstruaĵoj ne havas la etaĝon numero 13 nek la seĝvicon 13 en siaj aviadiloj, kie plejmulto de la homoj estas civilizitaj kristanoj kiuj kredas ke la mondo estis fabrikata de Dio en unu semajno.

*elfrancigis Janine Dumoulin*

## Religia libereco en Usono

Por la plejmulto da kredantoj en Usono, “ateisto” ne estas neŭtrala termino. Ĝi estas maldeca vorto, same kiel por multaj usonanoj la vorto “komunisto”. Ekzistas ankaŭ la alternativo “nekredanto”, kiu ne esprimas malestimon, kaj kiu, tre laŭdinde, estis uzata de nia nuna prezidanto (Obama) en sia inaŭgura parolado. Tio verŝajne estis la unua okazo dum prezidanta inaŭgura parolado, en kiu ankaŭ ni estis inkluzivigitaj kiel respektataj membroj de la nacia loĝantaro.

La principo “religia libereco” estas admirinda dum ĝi nur celas protekti

homojn kontraŭ malpermeso kredi aŭ ne kredi laŭdezire. La problemo estas, ke tro da kredantoj insiste volas devigi ne nur siajn proprajn infanojn sekvi iliajn kredojn, sed ankaŭ ĉiujn aliajn infanojn kaj civitanojn agi konforme kun tiuj kredoj en publikaj lokoj, inkluzive de la kortumoj.

Se kredantoj deziras ricevi respektan traktadon de nekredantoj, necesas ke ili mem montru al la nekredantoj multe pli da respekto ol ili montras ĝis nun. Gejoj ne plu kaŝas sin kaj multe gajnis per konvinkita defendo de la propraj rajtoj. Nekredantoj povus fari same. Por atingi socian trankvilecon, estus preferinde ke la kredantoj ĉesu ataki nekredantojn, ĉu ne ? Ĉiuj rajtu esprimi siajn opiniojn, prefere private, kaj vivi kiel ili deziras sen atakoj, kiuj dividas la socion !

Usono ankoraŭ ne nomas sin la Jud-Kristana Respubliko de Usono, laŭ la modelo de iuj landoj kies ĉefa trajto estas religia netoleremo. Ankoraŭ ekzistas espero trovi sanmensan solvon al la problemo. Vi kredantoj estu kontentaj pro via propra privata (ne publika !) religia libereco, kaj ĉesu ĝeni la aliajn ! Tiel ni ne sentos la bezonon kontraŭataki por protekti nin.

Kiel ateisto mi akceptas nur tiujn sciojn, kiuj estas akiritaj per rigoraj sciencaj principoj. Laŭ mi, ĉio kio ne konformas kun tia rigora kontrolado, estas senbaza konjektado aŭ sinkonvinkiĝo pri la realeco de la dezirata kaj esperata realo. Mi ne kontraŭas tian pensadon je individua nivelo, se la koncerna homo bezonas ĝin por fronti la defiojn de la vivo kun malpli da suferado !

Sed religio en la publika sfero, precipe kiam oni perforte trudas ĝin al ĉiuj aliaj membroj de la socio sendepende de iliaj personaj opinioj, laŭ mi estas abomeninda. Tio troviĝas tute ekster la kampo, kiun oni povus nomi “religia libereco”. Dirinte tion, mi lastatempe ekkonstatis, ke oni ne estu supersentema kun konstantaj protestoj kontraŭ ĉiu mispaŝo, sed prefere traktu la mispaŝinton iom indulge.

*Michael Sedgley (Usono)*

*Elangligis Anna Löwenstein*

## La plej grandioza spektaklo de la mondo

Esploro farita de la instanco Gallup en Usono en 2008 montris, ke 44% de usonanoj kredas, ke “Dio kreis la homojn en pli-malpli ilia nuna formo en unu okazo interne de proksimume la lastaj 10 000 jaroj”.

Tiu eksterordinara informo instigis la britan biologiiston, Richard

Dawkins, aŭtoro ankaŭ de *La frenezeco Dio*, verki libron eldonitan en 2009 kun la titolo *The Greatest Show on Earth* (La plej grandioza spektaklo de la mondo). La titolo estas konata frazo en la angla, iam uzata de prezentistoj, kiuj deziris allogi publikon viziti ian spektaklon.




La celo de ĉi tiu libro estas prezenti la pruvojn por evoluado. Dawkins klarigas, "La tielnomata 'teorio' de evoluado tamen estas fakto : fakto same firme bazita kiel ĉiu ajn alia scienca fakto."

Kial Dawkins sentis la neceson verki ĉi tiun libron ? En Usono multaj lernejaj instruistoj de scienco ne plu sucesas instrui evoluadon : kiam ili provas fari tion, ili frontas minacajn leterojn de gepatroj, malkunlaboron de siaj lernantoj, postulojn ke oni donu egalan tempon al "krea scienco" ktp. Dawkins komentas : "Iam, ni ne prenis tiun situacion aparte serioze : ni emis senĝene supozi, ke temas pri femonemo tipe usona. Instruistoj en Britujo kaj Eŭropo nun frontas la samajn problemojn, parte pro usona influo, sed pli signife pro oftiĝanta ĉeesto de islamaj lernantoj en la klasĉambro. Rolon ludas la oficiala subteno de 'plurkulturismo', krom la timego esti akuzata pri rasismo."

En ĉi tiu libro Dawkins prezentas kaj malpruvas la argumentojn de tiuj, kiuj kredas, ke Dio kreis la mondon antaŭ kelkaj miloj da jaroj kaj ke li persone kreis ĉiujn kreskaĵojn kaj bestojn, inkluzive de la homo, en ilia nuna formo. Samtempe Dawkins montras la ilojn, per kiuj nuntempaj biologiistoj konstruas siajn sciojn. Li klarigas, ekzemple, kiel funkcias la pluraj sistemoj taksi la aĝon de nia Tero per arboringoj, per radioaktiva degenerado, per molekula variado ktp.

Por argumenti kontraŭ tiuj, kiuj neas la fakton ke evoluado okazis, li donas ekzemplojn de variado en specioj okazinta per natura selektado en tre mallongaj tempoperiodoj : en la daŭro de malmultaj generacioj, aŭ eĉ

interne de kelkdeko da jaroj. Li montras kiel en ĉiuj bestoj restas spuroj de pli fruaj formoj : ekzemple kiel la flugiloj de vesperto estas videble subtenataj de la samaj ostoj, kiuj en aliaj specioj estas fingroj.

Dawkins klarigas, ke la organizado de la ostoj, nervoj kaj aliaj organoj ne estas sekvo de laŭorda antaŭplanado, sed de hazardaj evoluoj, kiuj poste iel montriĝis utilaj. Kiel inteligenta fasonisto povus aranĝi, ekzemple, ke la lumĉeloj en la okulo frontu en la malĝusta direkto, tiel ke la cerbo poste devas korekti la difektojn kaŭzatajn de la malbona organizado de la okulo ?

Alia strangaĵo estas la fakto, ke ĉe la mamuloj, unu el la du laringaj nervoj faras nenecesan devojiĝon laŭ la kolo. Tio havas sencon nur se oni komprenas, ke en niaj fiŝaj antaŭuloj tiu nervo vojaĝis rekte al la brankoj. Dum la mamuloj evoluadis, la brankoj malaperis, aŭ pli precize evoluis diversmaniere kaj akiris novajn funkciojn. Kiel sekvo de tiu procedo la koncerna nervo estis etendita en stranga maniero, kiu rezultigas tiun sensencan devojiĝon laŭ la kolo, nur kelk-centimetran ĉe la homo, sed ĉe ĝirafoj tiu nenecesa vojaĝo povas atingi eĉ 5 metrojn.

Tiaj situacioj videble ne estis sekvo de eleganta planado de la Granda Fasonisto en la Ĉielo, sed de laŭgradaj solvetoj fuŝe kunmetitaj de la Natura Selektado.

Ĉu ĉi tiu libro sukcesos konvinki homon, kiu profunde kredas, ke Dio persone kreis ĉiujn speciojn ? Mi dubas. Tio, kion ĝi montras, estas kiel seriozaj sciencistoj paŝon post paŝo



kunmetas koheran bildon pri la ekesto de la homoj kaj de aliaj specioj, kaj kiel ĉiuj novaj malkovroj subtenas kaj plifortigas tiujn konkludojn. Kvankam la stilo estas klara, foje amuzeta, kaj ĝi estas bone ilustrita per multaj ekzemploj, legi ĝin en si mem postulas iom da cerbumado kaj bona volo. Evidente estas pli facile legi fabelon pri la miraklaj faroj de iu dio, kaj pri la aventuroj de la homoj kiujn li kreis.

La kontraŭuloj de Dawkins estas homoj absolute konvinkitaj, ke ĉiu vorto en la Biblio estas vera. Tio estas ilia ekirpunkto: ke la Biblio estas vera, tial ĉiu alia klarigo pri la ekesto de la mondo devas esti malvera. Se ili entute legas lian libron, ilia celo estas nur kontraŭstari liajn argumentojn kaj klarigi, kial li nepre malpravas. Por atingi tion, ili eĉ devas inventi novajn sciencajn faktojn: ekzemple ke la leĝoj de la fiziko ŝanĝiĝis post la inundo de Noaĥo, tiel ke radioaktiva degenerado poste okazis pli malrapide ol antaŭe. Tia aserto kompreneble estas nepruvebla – interalie ĉar ĝi estas malvera.

Laŭ Dawkins : “La sola motivo por tia ĉikanado estas la deziro subteni la origino-miton de grupo de bronz-epokaj dezertaj tribanoj”. Simplaj sciencaj faktoj neniam sufiĉos por konvinki homojn, kiuj faros ĉion eblan prefere ol rezigni pri sia senbaza versio de la realeco.

Ĉi tiu libro bedaŭrinde ne ekzistas en Esperanta traduko, kaj se ni efektive planus traduki libron de Dawkins, estus pli utile komenci per *La frenezeco Dio*. La libro tamen estas trovebla en multaj nacilingvaj tradukoj, kaj certe estas rekomendinda al ĉiuj legantoj de nia bulteno.

*Anna Löwenstein*

Prezento de Richard Dawkins :

Richard Dawkins estas nuntempe unu el la plej bone konataj kaj aktivaj ateistoj en la okcidenta mondo. Profesie li estas evolu-biologiisto kaj specialisto pri la konduto de bestoj, nun emeritiĝinta de la universitato de Oksfordo. La ĝenerala publiko unue aŭdis pri li pro la apero de lia libro *The Selfish Gene* (la egoisma geno) en 1976, en kiu li argumentis, ke la geno estas la fundamenta unuo sur kiu baziĝas la natura selektado. De tiam li verkis plurajn popular-sciencajn librojn, en kiuj li plu prezentis evoluadon kaj naturan selektadon al la publiko.

Lastatempe li verkis plurajn librojn en kiuj li kontraŭargumentas la kreistojn, t.e. tiuj, kiuj neas la fakton de evoluado kaj kredas, ke la mondo kaj ĉiuj vivantaĵoj estis kreitaj en sia nuna formo de Dio. En sia libro *The God Delusion* (la frenezeco Dio) li argumentas, ke supernatura kreinto

preskaŭ certe ne ekzistas, kaj ke religia kredo estas sintrompa iluzio.

## Kiam vi aperos antaŭ Dio …

Tiel diris al mi Atestanto pri Jehovo kiu, kelkajn minutojn antaŭe, frapis ĉe mia pordo por konverti min.

Mi tuj respondis lian demandon : "Kiam mi aperos antaŭ Dio, mi ne scias kion Ĝi diros al mi, sed mi scias kion mi al Ĝi diros."

Mi ne scias ĉu Dio ekzistas aŭ ne. Sed, se Ĝi ekzistas, kia la kredantoj Ĝin prezentas, tia ĝi ne indas mian respekton.

Se Dio estas Dio, Ĝi estas ĉiopova, Ĝi konas la estintecon, la estantecon, kaj la estontecon. Se ne, Ĝi ne estas Dio.

Kiam Ĝi kreis la homon, Ĝi do sciis kiujn abomenaĵojn la homo faros … kaj tamen Ĝi kreis ĝin, tiel malbona kiel ĝi estas. Estus ege facile por Ĝi krei ĝin pli bona, eĉ perfekta, kial ne ? Sed Ĝi kreis ĝin malbona. Se tio ne estas, ne nur stulteco, sed evidente malbono, kio estas ?

Kaj poste, kiel antaŭvideble, la homo pekis. Kaj kion Dio inventis por forviŝi tiujn pekojn ? Ĝi krucumis vivanta sian propran filon por korekti la erarojn kiujn Ĝi mem faris. Ĉu eblas imagi geston pli stulte kruelan kaj maljustan ?

Kiel la kredantoj povas admiri kaj ami estaĵon tian ? Mi konfesas ke tion mi ne sukcesas kompreni.

*Jean Marin*

## Ateisma somera feriejo

En multaj landoj infanoj pasigas parton de sia somera ferio en tendumejo aŭ feriejo. La populareco de tiaj feriejoj varias de lando al lando, kaj ankaŭ la specoj de agadoj, kiujn ili proponas. Tradicie, tiaj agadoj estis ekzemple tendumado, arbara promenado, remado, grupa kantado ĉirkaŭ fajro kaj simile. Dum la lastaj jaroj ekestis someraj feriejoj, kiuj proponas apartajn agadojn, ekzemple aktoradon, muzikon, komputadon, lingvolernadon ktp.

Pluraj feriejoj estas organizitaj de religiaj asocioj, kun la celo fortigi la ligojn de la infanoj kun ilia religia komunumo. Sed en 1996 fondiĝis nova asocio de someraj feriejoj, specife intencita por infanoj de nereligiaj gepatroj. La asocio nomiĝas Camp Quest (“Feriejo Quest”), kaj ĝi havas filiojn en Usono, Kanado, Britujo, Irlando kaj Norvegujo.

ABC News (usona novaĵ-agentejo) en aŭgusto 2012 aperigis artikolon pri Camp Quest Northwest (Nord-

okcidenta Feriejo Quest) en Seattle, Usono. Jen kelkaj citaĵoj el la artikolo :

“Ni preferas kuraĝigi la infanojn legi kaj viziti preĝejon,” diras Chuck Wolber, unu el la fondintoj de Camp Quest Northwest. “La plej bona maniero por fariĝi ateisto estas studi la Biblion, kaj mi certe rekomendas al la infanoj fari tion.”

La sekulara tendumejo luprenas la areon de kristana feriejo, do la gvidantoj kovras afiŝojn, en kiuj aperas la vortoj “Dio” aŭ “La Sinjoro”, per paperaj bendoj, kaj anstataŭigas tiujn vortojn per esprimoj kiaj “Fluganta Spageto-Monstro” per kiuj ili emfazas la fakton, ke Dio estas imagata koncepto.

Okazas diversaj programeroj, ekzemple Kafejo Sokrato, kie la partoprenantoj rajtas diskuti ĉion, kion ili deziras, ekde la eterna demando “De kie ni venas?” ĝis la problemo, kiel defendi sin kontraŭ ĝenantoj, kiuj turmentas ilin pro iliaj agnostikaj opinioj.

“Mi ŝategas esti ĉi tie. Ĝi estas miriga,” diras 9-jara ferianto Elle. “Kun kelkaj homoj, necesas limigi sin aŭ senti sin devigata konduti laŭ difinita maniero. Estas agrable esti ĉi tie, kaj ne esti devigata limigi min, sciante ke neniu ĝenos aŭ vundos min.”

Ferianto Chandler Garry estas simila al la plejmulto da 11-jaraj knaboj. La sola diferenco estas, ke li nomas sin ateisto. Li diras, ke li ne povas klarigi, kial li ne kredas je Dio, krom la fakto, ke li ne vidis pruvon, ke Dio ekzistas. “Ĉiuj miaj geamikoj estas kristanoj,” li diras. “Tial oni ja foje mistraktas min, ĉar mi estas ateisto.”

Chandler diras, ke foje li scivolas pri aliaj religioj, kaj li insistas, ke li mem atingis sian konkludon pri Dio sen influo de liaj gepatroj Matt kaj Karen Garry. Matt estis edukita kiel judo kaj Karen kiel kristano, sed ambaŭ nun identigas sin kiel ateistojn. Ili tre frue decidis eduki siajn infanojn en sen-Dia hejmo. “Ni volis eduki niajn infanojn tiel, ke ili faru mem siajn decidojn,” Karen Garry diras. “Se niaj infanoj decidus, ke ili volas esti judoj, tio ne estus problemo. Ni amus ilin same, sendepende ĉu ili estus ateistoj, budhistoj, aŭ io ajn. Ni volis nur, ke ili estu bonaj, feliĉaj homoj.”

Ĉe Feriejo Quest, religio en iu formo estas ofta diskuttemo, sed ĉi tie oni pli ofte preferas paroli pri evoluado kaj logiko. La infanoj pensas kritike kaj pridemandas ĉion, kaj ili ne kredas je Dio. Pluraj el la feriantoj diras, ke ili venis en kontakto kun religio pro sia familio. Kelkaj diras, ke iliaj gepatroj plenkreskis en religiaj hejmoj, kaj poste elektis fariĝi ateistoj.

"Kelkaj el miaj familianoj estas katolikaj, do mi ĉeestis geedziĝfeston kaj funebran ceremonion," diras 13-jara ferianto kun la nomo Bailey. "Mi komprenas, kial ili povus deziri kredi je io tia, sed la afero ne vere havas sencon, laŭ mi."

Aliaj feriantoj kredas, ke la homoj uzas Dion kiel ĝeneralan klarigon por ĉio, kio okazas en la vivo, sed restas al ili demandoj. "Ili ne vere scias, kiam ili pensas pri kiam kaj kiel la homoj ekestis," Elle diras. "Ili devas trovi ian klarigon, kial la unua homo troviĝis ĉi tie sur Tero, kaj ilia respondo por ĉio estas ke Dio faris tion."

Kvankam ŝi estas tiel juna, Elle verŝajne konas la Biblion same bone kiel multaj samaĝuloj, sed ŝi diras, ke ŝi devus vidi Dion antaŭ ol kredi je li. "Mi persone ne kredas, sed se li venus malsupren kaj farus iun veran mirindaĵon, mi povus akcepti la fakton, ke li ekzistas," ŝi diras.

La plejmulto da usonanoj ankoraŭ identigas sin kiel kristanojn, sed la usona popolnombrado en 2008 montris, ke pli ol 34 milionoj da usonanoj konsideras sin agnostikuloj, ateistoj aŭ ne havas religion. Tiu nombro pli ol duobliĝis de post 1990.

Laŭ pluraj el la feriantoj, Feriejo Quest estas por ili apoggrupo. Ĝi estas loko, kie ili rajtas esti si mem. "Mi ne havas ateistajn geamikojn," Chandler Garry diras. "Do mi ŝatus laŭeble havi kelkajn geamikojn, kiuj loĝus apud mi, kiujn mi povus viziti por kunmanĝi sen la neceso preĝi antaŭ ol ekmanĝi. Tiel mi povus esti sama kiel ili, kaj iliaj gepatroj ne estus suspektemaj pri mi, ĉar mi estas ateisto."

*Anna Löwenstein*

-=-=-=-=-=-

# La kunveno de ATEO en Rejkjaviko

La kunveno de ATEO ĉe la Universala Kongreso estos aparte interesa ĉi-jare. Ni havos gaston : Hope Knútsson, la prezidanto de *Sidmennt*, Islanda Etika Humanisma Asocio. *Sidmennt* laboras por disigo de eklezio kaj ŝtato, kaj por egala jura situacio por ĉiuj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri moralaj valoroj kaj vivfilozofioj, ĉu aŭ ne ili estas religie bazitaj. Krome ĝi havas apartan intereson pri nereligiaj ceremonioj: nomado de novnaskitoj, sekularaj konfirmacioj, geedziĝoj, kaj funebraj ceremonioj. Hope Knútsson prezentos al ni la laboron de *Sidmennt*, kaj estos tempo ankaŭ por demandoj kaj diskuto.

# Ateismo

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo



Bonvolu sendi viajn artikolojn al : christian.riviere@laposte.fr


Por informoj : **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org
via del Castello, 00036 Palestrina, Italujo




*Jarkotizo :* *10 € por A-landoj*
*8 € por B-landoj*

*Konto* ***ateo-y*** *ĉe UEA*